# Esperanto Hamburg



Esperanto Hamburg e.V.

Junio/Julio/Aŭgusto (3) 2013

# Adiaŭ kara Werner Bormann

**Nia Honora Membro mortis la 16an de Majo 2013 en Hamburg**

Foto: B. klehr


**ESPERANTO HAMBURG** ehh

**Eldonanto:**
Esperanto Hamburg e.V.
www.esperanto-hamburg.de

Poŝta adreso:
Klaus-Groth-Str.95
20535 Hamburg
Tel: 0160 / 17 33 980

Konto: GLS-Bank
n-ro: 200 67 16 500
BLZ 430 609 67

**Prezidanto:**
*Jürgen Wulff*
Wandsbeker Chaussee 185 b
22089 Hamburg
wulff@esperanto-hamburg.de

**Redaktoro:**
*Benno Klehr*
Winterhuder Weg 32
22085 Hamburg
Tel: (040) 43188347
klehr@esperanto-hamburg.de


## Karaj legantoj,

Finfine tamen aperas nia bulteno.
Mi estis en malsanulejo kaj pro tio ne povis regule eldoni ĝin.
Tamen la kluba vivo daŭris. Ni ricevis novan nomon kaj novan statuton.
Fakte finiĝis erao: La erao post la *Universala Kongreso* 1974 en Hamburg.
En Majo 2013 mortis la prezidanto de la *Loka Kongresa Komitatio*, *Werner Bormann;* unu tagon poste ankaŭ mortis la *Alta Protektanto*, *Peter Schulz,* (1930–2013), urbestro de Hamburg 1971-1974.
Mi deziras al vi agrablan someran tempon kaj belajn feriajn vojaĝojn – kaj atendas viajn raportojn dum klubaj vesperoj, post kiam mi estos reveninta el rehabilitacia traktado en *Bad Bevensen.*

*Benno Klehr*

La kunvenoj de

**Esperanto Hamburg**

okazas en la

*Kultur-Butiko*




**Alexanderstr. 16**
**20099 Hamburg**

## Sentenco

**Sukceso estas unu fojon pli ofte ekstari ol fali.**

Winston Churchill

**Redaktofino**
**de n-ro 4/2013: 15-08-13**

**Redaktofino**
**de n-ro 5/2013: 15-10-12**

**Redaktofino**
**de n-ro 1/2014: 15-01-14**

## Grandaj ekspozicioj en Hamburg

La **Internacia Konstrua Ekspozicio** IBA, „Urbo en estonteco“, la 23an de Marto malfermis la jaron de prezentadoj sur la Elbo-insulo *Hamburg-Wilhelmsburg.* Ekde la 26a de Aprilo en la sama kvartalo okazas la **Internacia Ĝardena Ekspozicio** IGS, „Ĉirkaŭ la mondo tra 80 ĝardenoj“.

## Historio de Wilhelmsburg

*Duko Georg Wilhelm de Bunsvigo* en 1672 aĉetis la insulon en la rivero Elbe kaj donis al ĝi la nomon de sia kastelo en la sudorienta parto. En 1903 oni decidis fondi urbon el dek vilaĝoj sur la insulo. Proksime al la fervoja stacio oni planis novan centron de la urbo, por ligi la sudorientajn kamparajn kaj nordokcidentajn industriajn kvartalojn. Krom la urbodomo, meze en kamparo, oni nur sukcesis konstrui kelkajn aliajn domojn, antaŭ ol komenciĝis la unua mondmilito. Post la milito la urboj Harburg kaj Wilhelmsburg estis unuigitaj. Por la ne plu memstara urbo oni ne plu konstruis apud la estinta urbodomo. Wilhelmsburg do ĉiam suferis malbonan sorton. Post kiam ĝi fariĝis kvartalo de Hamburg ĝis antaŭ kelkaj jaroj ĝi ne estis en la planoj de la urbo.
55 % de la enloĝantoj estas enmigrintoj sen balotrajto, do politikistoj ne zorgis pri ili. En 2007 la politikistoj finfine komencis plani novan vigligon de la insulo.

## Domo de Arbaroj



La plej videbla diferenco al la ĉirkaŭaj konstruaĵoj estas la ekstera kovraĵo el larika ligno. La ĝenerala temo de la domo estas arbaroj, mediprotektado kaj daŭrigebleco. Ĝi enhavas sciencan centron kun muzeo kaj konferencejo. Hotelo kaj restoracio kompletigas tiun multfunkcian domon.
Antaŭ ol viziti la konstruaĵon mi legis la prospekton: Mi eksciis ke la hotelo apartenas al la Raphael-grupo kaj havas 82 ĉambrojn en tristela supera standardo. La restoracio nomiĝas *Wilhelms* laŭ la nomo de la kvartalo. Ĝi ofertas regionajn manĝaĵojn. La hotelĉambroj estas konstruataj tute el ligno, ĉiu ĉambro per la ligno de certa arbo. Sed la enirejo iom ŝokis min: Mi vidis nur betonon kaj ne kamuflitan plafonon. Poste ĉe la ŝtuparo mi tamen vidis lignon kaj la klarigon pri ĝi. Fakte la unuaj du etaĝoj estas el betono kaj enhavas la grandajn salonojn de la arbara centro de la *Societo por la Protektado de la Germanaj Arbaroj*. La tri supraj etaĝoj, kie troviĝas la hotelo, vere estas konstruitaj tute el ligno.

## Nova nomo:
## *Esperanto Hamburg e.V.*

La 24an de Majo 2013 en eksterordinara ĉefkunveno la membroj de Hamburga Esperanto-Societo decidis kun granda plimulto, ŝanĝi la nomon de la societo kune kun akcepto de nova statuto. La germana nomo *Esperanto-Verein* estas tre malmoderna kaj provokas malagrablan senton ĉe multaj homoj. Aliaj kluboj nomiĝas *Esperanto-Gesellschaft,* kio sonas pli agrable, sed ni elektis la nomon **Esperanto Hamburg**. La societo estos registrita ĉe la ŝtata registro por societoj kaj pro tio portas la aldonan e.V. por *eingetragener Verein.*
Krome la klubo estas agnoskita kiel komunutila de la financoficejo kaj laŭ informo de nia financoficejo ankaŭ la nova statuto estas taŭga por renovigi tiun agnoskon.
La tekston de la nova statuto ni ellaboris kun la helpo de advokato *Kurt Ahlers* kaj ankaŭ konsideris la konsilojn de *d-ro Rudolf Fischer.*
La nova statuto ne ŝanĝas la klubon, sed donas al ĝi la daŭrigeblecon por la estonto. La estraro ne plu bezonos kvin membrojn sed nur plu tri. Aliaj kluboj jam malfondiĝis, ĉar ili ne sukcesis trovi estraranojn.
Ankaŭ la konsilantaro kun kvin membroj devis esti elektita, kvankam ĝi ne plu estas bezonata restaĵo el la tempo, kiam ekzistis pluraj grupoj en diversaj urbopartoj.

## D-ro Werner Bormann †

**(27-10-1931 Berlin – 16-05-2013 Hamburg)**

**Mi konatiĝis kun Werner dum *Eŭropa Esperanto-Kongreso,* paskon 1976 en *Eindhoven*** (NL).
Tiam li por mi estis *d-ro Bormann*, la patro de Thomas, kiun mi konis el la *Internacia Seminario* de GEJ.
La unuan kontakton fakte faris *Elabeth Bormann*, kiu ĉiam estis tre kontaktema. La kontakto al *Werner* pli evoluis post 1979 en Hamburg, post kelkaj malfacilaĵoj, kiuj rilatis al mia tre juna aĝo (22). Fine ni trovis manieron de respektema kunlaboro en la klubo, kiu fariĝis amika rilato en la klubo kaj fine eĉ privata amikeco kun multaj komunaj agadoj kaj interesaj interparoloj kaj diskutoj. Ni tre sukcese povis diskuti, ĉar *Werner* kiel mi estis pagmatikulo. Ankaŭ post kiam li ekloĝis en maljunulejo, li sukcesis organizi sian vivon laŭ siaj klaraj ideoj.
Nia lasta granda temo estis la plimodernigo de nia klubo, la daŭrigebleco de kluba vivo sub ŝanĝiĝantaj kondiĉoj en la socia vivo. Do nia nova nomo ***Esperanto Hamburg*** kaj nia nova statuto, kun malpli da postenoj plenigindaj kaj malpli da klubaj organoj, estis aprobita ankaŭ de li. Tamen por Werner la lastaj monatoj ne plu estis agrablaj, ĉar li ofte suferis dolorojn. Plej multe ĝenis lin, ke li ne plu povis mem decidi, kiam li faru kion, kaj li forlasis nin sen bedaŭro.
Mi tenos lin en mia memoro kiel meritplena esperantisto, honora membro – kaj amiko.

Benno Klehr

# Nia Programo

Ĵaŭdaj klubvesperoj: en ***Kulturladen St. Georg***
Alexanderstraße 16 • 20099 Hamburg
19.00 h la membroj kolektiĝas en la kafejo • 19.30 h vespera prelego laŭ la suba programo

## Junio

**6** Ralph Glomp:
**Falsaj amikoj 3**

**13** *Klaus Friese:* **Sola sur la strando**
Tio estas la titolo de nova kantlibro, kiun Klaus Friese prezentas. Dum jardeko li esperantigis 50 konatajn kantojn.

**20** *Paroliga Somero:*
**Ĉirkaŭ Pola Radio** de edukado.net.
La radio kontraŭ la malbeno de babelturo.

**25** Merkredo 18.30 h
**Estrarkunveno** (publika)

**27** *Paroliga Somero:*
**Klimataj urĝaĵoj**
(de *Le Monde Diplomatique*)

## Julio

**4** *Gerald Roemer:*
**Bicikle ĉirkaŭ Berlino**

**11** *Paroliga Somero:*
**Sorobano - la japana kalkulilo**
(de edukado.net)

**18** *Mariko Aoshima:* **Kiromancio**

**24** Merkredo 18.30 h
**Estrarkunveno** (publika)

**25** *Paroliga Somero:*
**Mortas flegistino: kiu kulpas?**
(de Monato).

## Aŭgusto

**1** *Jürgen Wulff:*
**Bazaj teknikoj de NLP**

**8** *Benno Klehr:*
**Interesaj lingvaj fenomenoj**

**15** **GRAVE:** „Loko“

**21** Merkredo 18.30 h
**Estrarkunveno** (publika)

**22** *Pia Haasis:* **Giacometi**

**29** *Peggy Ley:* **Globuli**
(Medikamentoj en globetoj)

## Septembro

**5** *Dominik Grauert:*
**Reviviga kurso**

# Hamburg-Enigmo




Kiun personon montras la monumento, kaj kian funkcion havas la apuda dometo?



En la Eklezia kunveno eĉ tri iniciatoj el la Esperanto-movado prezentis sin:
La germana sekcio de KELI, Germana Esperanto-Junularo, kaj la Laborrondo Kristanoj en la partio UNU MONDO. Ili havis standojn en la Foiro de la Eblecoj en la ekspoziciaj haloj en la urbocentro. En la sekcio Interreligia kaj interkultura Dialogo troviĝis KELI, la aliaj du en la sekcio Tutmondiĝo kaj Unu Mondo.

# Evangelia eklezia kunveno

## 1a ĝis 5a de Majo 2013 en Hamburg

Preskaŭ 120.000 partoprenantoj venis por travivi kvin tagojn en kristana etoso.
Inaŭguraj diservoj okazis en kvar lokoj samtempe: Antaŭ la urbodomo (kun reprezentantoj de la katolika eklezio), apud la Elbo en la havena urbo (kun episkop**ino** *Kirsten Fehrs* kaj federacia prezidento *Joachim Gauck*), sur Reeperbahn (kun Katrin Göring-Eckhardt, prezidantino de la evangelia sinodo) kaj sur la fiŝfoirejo (kun episkopo *Peter-Hendrik Skov-Jakobsen* el Kopenhago).
Vespere ek de la 18a horo okazis Vespero de Renkontiĝo inter Alster kaj Elbo. La Norda Evangelia Eklezio prezentis sin kun la kunvena slogano en la platdiĉa lingvo: "Soveel as du bruukst!".
La gastoj trovis gajan miksaĵon el muziko, danco kaj ludo, kulturo kaj ĝuo; krome novajn sperojn. En ok regionoj de la dana ĝis la pola landlimoj oni povis esplori la Nordan Eklezion. Ĉiu regiono pezentis lokajn specialaĵojn. Lübeck/Lauenburg varbis per la antikva salo-strato, la Nordmara regiono per turismo. La vizitantoj konatiĝis kun hamburgaj originaloj.
Por solena fino zorgas koloraj akvoludoj, kun miloj da kandeloj kaj la tradicia vespera beno, kaj je noktomezo en la muzeo de maketoj *Miniatur Wunderland* estis organizita diservo.

# Gratulon al Hedwig Fischer!

Kiel vicprezidanto de germana *KELI*, ŝi organizis la standon en la *Foiro de la Eblecoj* en la ekspoziciaj haloj. Jam antaŭ la komenco ekestis problemoj: *Rudolf Fischer*, ŝia edzo suferis fortajn dolorojn kaj ne povis ŝofori. Do *Heti* devis ŝanĝ ĉiujn planojn, kaj venis trajne. Sed ŝi ja havas spertojn en organizado jam dum multaj jaroj. Ŝi majstris ĉiujn problemojn, kiuj ankaŭ poste aperis.



**La vizitantoj de la „merkato de eblecoj" de la Evangeliaj Preĝejaj Tagoj multe interesiĝis kaj demandis pri Esperanto, ni havis tre bonajn interparoladojn kaj diskutojn.**

*Gerald*

**Hannelora kaj Hedwig informas**

Foto: K. Baasch



**Hannelore kaj Gisela en interesa interpalolo kun interesitoj**




**Heinz, Jutta, Hedwig kaj Gerald en la KELI-stando**

Foto: H. Fischer




**Vigla intereso en la stando de Germana Eperranto-Junularo: En halo A3**

Foto: H. Fischer



**Goro en diskuto kun interesitaj junulinoj**

Foto: H. Fischer




**Fotomontaĵo montras la ŝanĝiĝantan lumon en la metro-stacio Hafen-City-Universität; vere vidindas!**

Fotoj: B. Klehr

# Ĝisfine nur semajnfine

La nova metrolinio ***U4*** ĉiutage frekventas ĝis la havena urbo, haltejo *Überseequartier,* apud la krozadŝipa centro, kie jam funkcias vendejoj, restoracioj kaj oficejoj.
La stacio *Hafen-City-Universität* nur estas atingebla dum semajnfinoj, ĉar – simple ĉirkaŭe nenio estas krom amasoj da sablo kaj fosaĵoj. Post kiam la konstruaĵoj tie estos finkonstruitaj, do komerca centro kaj universitato, la metroo regule ankaŭ iros tien (ek de aŭtuno 2013).

# Bomboj en la grundo

En la grundo de la urbo Hamburg supozeble ankoraŭ troviĝas pli ol 100.000 ne-eksploditaj bomboj el la dua mondmilito. Ĝis nun oni malkovris kaj senŝargis 11.000 bombojn. La bomboj eĉ nun ankoraŭ estas tre danĝeraj – pli ol 60 jarojn poste. Kiam oni konstruas domojn aŭ stratojn dn Hamburg, oni antaŭe tre severe ekzamenas la terenon, por eviti tiajn danĝerajn situaciojn, kielantaŭ kelkaj monatoj en Wilhelmsburg, kiam oni devis gardi la enloĝantojn post kiam bombo neatendite estis trovita en riparinda strato.
Posedantoj de grundo antaŭ ol konstrui domon de post 2005 devas komisii specialajn firmaojn por ekzameni la terenon.




24 ŝtataj dungitoj prilaboras fotojn (supre) de la bombaditaj regionoj, kiujn la Britaj aŭtoritatoj transdonis al Hamburg en 1985. La eltrovado kaj forigo de la nekrevitaj bomboj ĝis hodiaŭ kaŭzas altajn kostojn

# Solvo de Hamburg-Enigmo

La monumento estas dediĉita al William Lindley (1808-1900), brita inĝeniero, kiu en Hamburg planis kaj realigis modernan kanalizacion kaj akvopurigejon apud la rivero Elbe. Laŭ liaj planoj estis konstruita publika konstruaĵo, kie oni povis lavi kaj bani sin. Li ankaŭ ebligis konstrui la unuan fervojon (Hamburg-Bergedorf) kaj novan gasfabrikon por strataj lanternoj kaj lampoj en loĝejoj. Liaj planoj pri trinkakva purigejo ne estis akceptita de la senato pro la altaj kostoj. Pro tio en Hamburg en 1892 povis okazi ĥolera epedemio, kvankam la sciencaj konoj jam ekzistis.
La dometo apud la monumento estis konstruita kiel agrabla enirejo por Imperiestro Vilhelmo II, kiu en 1904 vizitis Hamburgon kaj rigardis la kanalizacion.



Dekstre: „Vizitantoj eniras je propra risko“



# Nova kurso

Ek de la 18a de Aprilo *Peggy Ley* gvidas kurson por komencantoj. Al la kurso ĉe la universitato, kiun ŝi ofertis, ne aliĝis la postulita nombro de partoprenentoj. Do Peggy kun siaj malmultaj gelernantoj ŝanĝis la lokon al la kulturbutiko. Nun jam okazis pluraj lecionoj kun *Julius* kaj *Jenny* kaj du aliaj , kiuj lernas kun granda intereso. Peggy antaŭ kelkaj jaroj paroprenis en studado en la Internacia Centro Herzberg. Laŭ mia takso ŝi estas bona instruistino.

*Benno Klehr*

# Ĉu ili frenezas – tiuj Italoj?

Italaj oficistoj donis po 500 Eŭroj al afrikaj fuĝintoj kaj sendis al Germanio, por ke la germanaj instancoj zorgu pri ili.
El Italio oni forsendis fuĝintojn – en Germanio alvenis homoj. Almenaŭ tion sentis multaj Hamburganoj.
Unue la pastro de la plej granda kirko, S-ta Mikaelo, invitis ilin al komuna diservo. Poste la komunumo en St. Pauli invitis la fuĝintojn, dormi en la preĝejo; alia preĝeja komunumo sekvis.
Do la senato ne sukcesis simpli resendi la „ne menditajn“ fuĝintojn al Italio. Montriĝis, ke por la civitanoj en Hamburg homaj rajtoj estas pli valoraj ol iaj interŝtataj interkonsentoj aŭ leĝoj.

## 225 jaroj de surakva polico en Hamburg

1787 senato kaj parlamento laŭ postuloj de la „Commerz Deputation“, antaŭulo de la nuna komerca ĉambro, instalis „havenpatrolon“: La origino de la hodiaŭa surakva polico, kiu kiel „havenpolico“ jam antaŭ la unua mondmilito disponis pri dekunu vapor- kaj motorbarkasoj.



**Rickmer Rickmers en Legoland** Foto: Thomas Pusch

La hamburga polico sur la ŝipo RICKMER RICKMERS prezentas la ekspozicion „225 jaroj de surakva polico en Hamburg“. Pro la granda intereso la daŭro estis plilongigita.

## Monda Kultura Heredaĵo baldaŭ ankaŭ en Hamburg

La hamburga senato deziras eniri la liston de *Mondaj Kulturaj Heredaĵoj* de *Unesko,* proponante la unikajn kvartalojn *Deponeja Urbo* (Speicherstadt) kaj la *Kontordomaron* (Kontorhausviertel, apud Chilehaus) kiel tipajn ekzemplojn de eŭropaj monumentoj el la pasinta kaj la antaŭpasinta jarcentoj. Ekzistas bonaj ŝancoj, ke tiuj trezoroj de hamburga arkitekturo sukcesos atingi la honoran titolon. Finfine ankaŭ Hamburg apartenu al la urboj, kiuj posedas *Mondan Kulturan Heredaĵon*.



**Deponejoj apud havenaj basenoj** (1880-1895)



**Kontoroj de la ŝip-entreprenoj** (1910-1925)

## Hamburgaj ĉareloj sukcesaj mondvaste

Ĉarelo estas motora veturilo servanta en fabrikoj al metado de diversa materialo en altecojn aŭ el altecoj. Kelkaj tipoj havas fruntajn forkojn por transportata materialo, kelkaj tipoj povas havi ilin sur flanko.

Ĉareloj estas produktataj de diversaj entreprenoj. La Hamburga produktanto *Jungheinrich* post *Toyota* kaj la *KION*-grupo (*Linde, Still*) estas la tria plej granda. La entrepreno per eksportoj al Ĉinio nun sukcesis plialtigi la akiritajn negocojn je ĉirkaŭ 17%, la gajno kreskis de 38,3 al 38,5 milionoj da eŭroj. Laŭ ekonomikaj fakuloj tio estas neatendite granda sukceso en la momente ĝenerale malbona situacio en la ekonomio.



**Foto: Jörg Scheffler/Jungheinrich, tipo ETV214**

## Hamburg estas la vento-energia ĉefurbo de Eŭropo

En Hamburg pli ol 600 entreprenoj laboras pri vento-energiaj instalaĵoj. La produktanto Nordex antaŭ kelkaj semajnoj akiris kontrakton por liverado de ventenergiaj instalaĵoj en Sudafriko kun valoro de 80 milionoj da eŭroj. La vento-parko *Red Cap Kouga* kun 32 turbinoj jam estas la dua sukceso de Nordex en Sudafriko.



Nordex Gamma ventoturbino

Fotoj: Nordex/Jan Oelker

Sube: teknika skemo

